# PENSEO

*N-ro 346*

*aŭg. / 2020*

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**
**Honorita de Premio Grabowski,1994**

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 31-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm



## Gafur Mirzo (Uzbekio)




## AL ESPERANTO!

Ho, nia lingvo —
	kara, favorata!
Kun Vi ni ĉiam
	estas animsata!
Kaj Vin ni ĉiuj
	senlime adoras
Pro la adoro
	malbonceloj foras!
Forpelu ĉiujn
	barojn kaj la timojn,
Daŭrigu ĉiam
	konkeri animojn!
Kaj Vi forigu
	el la koroj ĝemojn,
Plantu en korojn
	verdajn espersemojn!
Sur la Ter' faru
	grandan, verdan ondon,
Kaj ĉirkaŭprenu
	Vi la tutan mondon!
Vi estas por ni
	inspiro kaj forto,
Kun Vi beliĝas
	la tutmonda korto!
Nia ĉefdeviz':
	estas Amikeco!
Vi estas en viv'
	unu kora peco
Kun Vi ni vigle
	ĉiam onteniros,
Kaj baldaŭ gravan
	Venkon ni akiros!
Ni tutfidelas
	je nia kunesto,
Nin ja atendas
	evidenta Festo!
Baldaŭ la Veron
	kunsentos Homaro
Kaj nepre estos
	Vi la lingva Caro!

## Al la gesamideanoj

En ĉi-Festa Tago
	la inspir' alvenas
Elkoraj deziroj
	al Vi ĉiuj jenas:
Por la grava Venko,
	por la cel' konkreta
Vi – veraj verduloj,
	ĉiam estu preta!
Se kune, agorde
	ni antaŭen iros
La longatendatan
	Venkon ni akiros!
Mi diras la Veron,
	mi ne elokventas!
La baldaŭan Venkon
	mi plenkore sentas!
Karaj, nin atendas
	ja plej helaj tagoj!
Baldaŭ ĉiulande
	ŝvebos verdaĵ flagoj!
Al Vi ĉiuj mi plu
	jen kion aldiros:
Venos temp' la lingvon
	la tutMondo miros!
Jen, kia Vin, karaj
	estas mia peto:

Por la cel' ni paŝu
kun forta impeto!
Ni iru kuraĝe
kune man' en mane!
Nia kunmovado
ne perdiĝos vane!
Por atingi celon
kiu certe revas
Sur la vojo de l'cel'
laciĝi ne devas!
Ni devas la lingvon
senĉese plu ami!
Por iri antaŭen
ni ne devas lami!
Nur antaŭen iru
ni komune ĉiam!
Ni paŝu vigle, sed
ekstumblu neniam!
Ni atingu Venkon!
Tio gravas, endas!
Tion la Mentoro*
de ni ja atendas!
Esperu ni ĉiuj!
Sur la sama Tero
Konkeros la Mondon
nia pura Vero!
Ĉe la fino, karaj
tenante la manon
Mi al vi deziras
Sukcesojn kaj Sanon!

** – L. L. Zamenhof*

*la 26-an de julio, 2020*
*Taŝkento, UZBEKIO*



## Rita Mkrtchyan (Armenio)



Alkutimiĝas ni al hom' indiferenta,
Al vortoj krudaj, manko de la sentoj,
Al la ĥaoso en la politiko,
Al la forpaso de plej bonaj geamikoj.
Kutimaj iĝis kaj militoj kaj malamo,
Danĝeraj okazaĵoj kaj malsano,
Alkutimiĝis ni al la perfidoj
Al malobeaj niaj karaj idoj.
Alkutimiĝis ni al tragedioj, plagoj,
Al la senhontaj arogantaj agoj,
Alkutimiĝis trinki akvon, sed ne vinon,
Al tio, ke , jes, ĉio havas finon.
Al tio, ke pli multas almozuloj,
Maloftas feliĉuloj kaj bonuloj,
Forest' de kredo, de vidpunktoj, karakteroj,
Alkutimiĝas ni al nekutima vivmaniero...

## Hans-Georg Kaiser (Germanio)



### Pensulo

Mi pensas kaj pensas:
Ĉu pensoj sensencas?
Ĉu pensoj utilas,
se hom' nur babilas?

Ĉu movi do manon?
Ĉu baki la panon?
Ĉu pensi kaj sidi
sen krei aŭ ridi?

Ĉu pensi sen agi?
Nur pense do vagi?
Ni pensu kaj faru,
praktike komparu!

### Pensuloklubo



La pensuloklubo pensas
en kunsido pri l' demand',
kiom longe eblos pensi
kun permes' plu en la land'.

La pensuloklub' cerbumas,
ĉu necesos plu la kap'.
Iu ruze finresumas,
ke en kapo mankos klap'.

## Papos Nascentes (Brazilo)



### ARĤETIPA ESPLORO

Por intui l' arĥetipon en la platona kavern',
bezonatas havi etikon
kaj agadon kaj mediton.

La deziro havi amon: formi paron ajnakoste,
kaj nur kelkajn jarojn poste
venas volo esti Amo.

Amo estas abstrakta, frua aŭ malfrua eco:
plibone ĉikaze fakte
estos trejniĝi en Boneco.

Se Boneco sin prezentas la ŝajnigo vaporiĝas:
se kontentigas manĝeto,
l' amatino feliĉiĝas.

Post vino dum la vesper', Amo, pigro post la
pico.
Sen konflikto! Arda fajrer'!
Al ĉio mildigas Justico.

Ĉu estus iel forlasindaj respekto kaj
sincereco?
Amo faras, do farinda!
Vi fidu: estas Vereco.

Amo fuĝas de skeptika, floroj kaŝas la
parfumon,
Iĝas Am' nova arĥetipo,
Amo plenas je Abundo.

Se volas vi esti Am' Povo iĝas nenio:
sindonema iĝas ĉiam
pro tio venas unio.

Adolekante, amo hasta montras econ kaj
malecon.
En maljuno, iĝas vasta:
Povas eĉ iĝi Tuteco.

En Self, nome Tuteco, venas kia Imago Dei,
Si Mem, Amo, Unio:
“Nenia scio – jen la scio!”

### Ĝisdatigita Ŝajnigulo

Duondiru, poezi'!
krom iel ia indic',
spuro (sen iluzi')
tamen glita, ĉiam glita.
Kontentiĝas ĉu la kor'?
Mi tamen sen komemor'.
Jen verso certe ĝojiga,
en alia jen mia plor'.
Eĉ se granda malĝoj',
se ĉagren', monotonec'...
mia verso, alia voj':
rideto kun luma ec'.
Tamen tia estas arto,
konsentas mi kun Pessoa[2]:
ŝajniga en ĉiu parto
ĉi dolor' - mia mensog'
Ĝisdatigita Ŝajnigulo
Duondiru, poezi'!
krom iel ia indic',
spuro (sen iluzi')
tamen glita, ĉiam glita.
Kontentiĝas ĉu la kor'?
Mi tamen sen komemor'.
Jen verso certe ĝojiga,
en alia jen mia plor'.
Eĉ se granda malĝoj',
se ĉagren', monotonec'...
mia verso, alia voj':
rideto kun luma ec'.
Tamen tia estas arto,
konsentas mi kun Pessoa[2]:
ŝajniga en ĉiu parto

ĉi dolor' - mia mensog'

## Ivaniĉka Maĝarova (Bulgario)



### IUN TAGON

La suno –
por mi ne leviĝos
iun tagon.

La luno –
por mi kaŝos sian vizaĝon
iun tagon.

La lito-
malvarma kaj soleca
restos
iun tagon.

Senvorta-
malĝojos la blankfolio
iun tagon.

La infanoj
malfermos senhoman
chambron
iun tagon.

Sed la reeho ekparolos:
“Mi amas Vin – Vi same
Amu!”
IUN TAGON

*01.07.2018*

## Namhaeng Lee (Koreio)



### Balono

Mi memoras la tagon
de sporta festivalo de lernejo
kiam mi estis kelkjaraĝa knabino.
Festivalo finiĝis per danco
kaj en la lasta momento de la danco
ĉiuj lasis balonojn al ĉielo el siaj manoj.
Mi rigardis ilin malaperantaj en ĉielo.
kaj scivolis, kien flugos mia balono ĉiele.
Oni diras, ke ĝi baldaŭ rompiĝos.
tamen mi ne kredis.
Mi kredis, ke mia balono restos ĉiele eterne
kun sia fadeno kaj ankaŭ miaj revoj.

### Soifo.

Unu taso da akvo
senigas soifon por momento
tamen tuj aperos denove alia soifo.
Kie estas la fonto,
kies akvo senigas soifon
nur per unu taso por eterno?
Mia kara!
Ĉu vi povas serĉi tiun fonton?
Ĉu vi jam serĉis ĝin antaŭe?
Eble tiun akvon
vi ne povas doni al mi,
ĉar mi mem devas serĉi ĝin.

## AnnaVart (Armenio)



### Ebriganta parfumo. . . .

Ĉi vespere
Kunbrakumante, sub rigardo de paŝantoj
ni promenas sur ĉi ornamita tapiŝo
Varmeco de via korpo min transdonas tenerajn
turmentojn
Ĉar mi scias, ke vi ankaû ebriiĝas pro mia
Edena Parfumo.
Mi feliĉas!
Feliĉas! Ke vi ne forgesis mian parfuman
odoron,
Ke mi parfumis min speciale por vin plezurigi
Kaptivanta plezuro donis tiun ensorĉeligantan
aromon
Por finfine viajn dezirojn elvekigi.

## Iskouhi Avetiqian (Francio)



Neforgeseblaj kisoj,Vi! kiel florbukedoj

Portas sur roz'petaloj la orkoloran Sunon.
Respirante parfumon de belaj rememoroj,
Ke la bel'kolora sonĝo farbigas amsenton.
Jen! La vento ĝemas. La rozarbust' supiras
Por enebriigi arde ĉi azuron de blua ĉiel'
Klar'vidante en la roz' la feliĉan belecon,
Kiam la aero trankvilas, antaŭ vidi ĉi roz'.



## Zara Sarkissianne (Francio)



Kiam oni solas kun tristo,
Miloj da okuloj fermiĝas,
Neniu vidas aŭ sentas ion
Via ĉagren' apartenas vin...

### Dependas...

La viro korteganas virinon
Ĉar ŝi feliĉigas lin,
Kelkfoje li ne deklaras sian
korfajron..
Eĉ se virino sindonas
Iam romano malfiniĝas...
Ĝenerale, unu sur du
De Sinjorin' dependas,
Eĉ povas esti de tiu Sinjor'

## Elena Popova (Bulgario)



### PENTRISTO

Per flugila anim'
li brave, sentime,
kiel Dio kreas
kaj l' teron rekreas.
Iam fiere
rigardas inspire,
iam suferas
kaj longe silentas.
Vidas ni fine -
edenon li pentris

## Siv Burell (Svedio)



### Sen talento de ordo

Sen talento de ordo
mi serĉas ĉiun tagon
malaperigitajn paperojn
perditajn notojn
forflugintajn pensojn
telefonnumerojn,
mesaĝojn.

De tempo al tempo
mi aĉetas ordon
forme de malgrandaj kajeroj
kiujn mi povas kunporti ĉien.
Mi skribas kaj skribas,
sed poste forgesas
rigardi la notojn,
ĝis estas malfrue.
ĉu stranga mia elektad' ?

## Ĉuisto (Ĉinio)



### Ascendi al la monto Nanbao

Birdoj pepas sur branĉoj de arbo,
Vento blovas en la verd-koloro.
Kapon levas mi al pompa farbo.
kaj tuj fotis ĉarmon kun ĝoj-koro.

## Ardo (Ĉinio)



### KELKAJ HAJKOJ

hejmloko fora
min kaptas nostalgie
pro jun' memora.

vespera suno
elverŝis lastan brilon
por onta luno.

fluas rivero
laŭborde de dezerto,
venas somero.

ne plu por famo
mi strebas tiom longe,
Sed nun sen flamo.

en sonĝa juno
ekflamis am'kaj revo,
sen spur'sur duno.

# El Ĉina Antikva Poezio

## Su Shi (1037-1101)



### Rememoro pri la sonĝo

—laŭ melodio *Riverborda urbo*

Jam de dek jaroj apartiĝas ni—
vi en la tomb' kaj mi sur tero.
Ja sopiremo senvalidas,
sed restas neforges' sen malapero.
La forlasita tomb' distancas fore,
mi ne kapablas ja kun ŝi konversacii
trans la mil-lia* longo tra aero.
Kia tristeco!
Eĉ se ni renkontiĝus laŭ espero,
ni eble ne rekonus unu la alian,
ĉar vagabondas mi jen en libero,
kun polvkovritaj vangoj kaj grizharoj
ĉe la tempioj pro viv-severo.

Ensonĝe mi revenas al hejmloko.
Ŝi ĉe fenestr' sin ŝminkas en spegulo.
Ni vid-al-vide sidas senparolaj
kun okulparoj en larmo-nebulo.
En mia imagado ĉiujare l' tombo
plej ŝiras nian koron kun la ĉagrenbrulo,
nur lun' disverŝas fridan lumon
sur la monteton kun la tombo en obskuro.

**lio: ĉina mezurunuo, egala je 536.33 metroj.*

### Ĉasado en Mizhou

—laŭ melodio *Riverborda urbo*

Kvankam en maljuno,
mi, kun iom da juneca energi',
dekstramane tiras hundon flavan,
livamane tenas falkon jen por
ĉasmisi'.
Kun satena ĉapo kaj peltaĵo
mi veturas en mil-homa rajd-legi',
galopante tra enmonta ebenaĵo.
Por prezenti mian volon de defi'
mi mortigu tigron ja persone,
kiel la bravuloj de l' naci',
por konigi min jen al la popolo
de la urbo por ilia ovaci'.

Per la fort' de vino mi ekhavas
pli kuraĝon grandan kun pasi'.
Sed ne gravas ja, ke miaj haroj
jam fariĝas iom grizaj ĉe l' tempi'.
Kiam la imperiestro sendos la
senditon
por indulgi mian pekon kun raci'?
Mi plenstreĉos arkon jen plenlune,
cele al nordokcidento kun konsci'
por faligi arkopafe la ĉielajn lupojn
minacantajn al la imperi'.

### Printempo ankoraŭ ne oldas

—laŭ melodio *Rigardo al sudo*

Printempo ankoraŭ ne oldas,
salikaj vergstrioj svingiĝas en vento.
Grimpinte terason, mi vidas
akvfluon de verda prezento
en ĉirkaŭfosaĵo de la urbremparo,
la urbon plenplenan je floroj en splendo,
kaj domojn mil kaj mil kaŝitajn

en pluva nebulo jen dum ĉi momento.

Post Fest' de malvarma nutraĵo*
sobriĝas mi el vinebrio
des pli kun sopira la sento.
Mi nun ne babilu ja pri la hejmloko
kun oldaj amikoj per vea lamento.
Do mi tuj bruligu la fornon,
preparu teakvon sen ajna atendo.
Mi ĝuu versadon kune kun vintrinko
prefere en aĝo plijuna sen pento.

*la tago antaŭ Qingming (Festo de mortintoj) oni nur manĝas malvarmajn nutraĵojn.

**—laŭ melodio *Preludo de akva melodio***

*Dum Aŭtunmeza Festo ni ĝoje trinkis vinon ĝis tagiĝo kaj mi morte ebriiĝis. Pro tio mi verkis ĉi tiun poemon kun sopiro al mia frato.*

Kiam ni la plenlunon klaran povas vidi?
Mi tenas tason da vin' en man'
demandas mi al la ĉielo blua.
Mi ja ne scias, kian daton la ĉiela klan'
nun ĝuas, jen malkiel ni sur tero.
Mi volus flugi ree al ĉiela ocean',
sed timus mi, ke la frost'rigoras
en jad-palac' sur plejalta la altan'.
Ekdancas mi kun mia ombro
ja sub kristale klara lunlumban',
ĉu l' mond' ĉiela tiel ravas,
do, kiel nia ter' kun homa akompan'?

La lun' sin klinas ĉe mansardo ruĝa
kaj tra l' fenestro florĉizita gapas base
prilumas min sendorman.
Ho, l' luno, vi ne devus kovi kaŝe
malamon al la homoj.
Kial vi emas jen rondiĝas embarase
je la disiĝo de karuloj?
Teranoj tristas, ĝojas ja amase
jen rekuniĝas jen disiĝas.
La luno fazas laŭtemp-pase
malkreskas, kreskas periode.
Neniam ja perfektas ĉio
nature aŭ homrase.
Deziras mi, ke ni ja kune,
kvankam ni distas je mil-lioj fore,
ĝuadu pacon, sanon nun fortune
sub sama, bela la lunlum' elkore.

*Elĉinigis*



## Vejdo (Ĉinio)

## Sikong Shu（720 - 790）



### Min ĝojigas la vizito de mia kuzo

Kvietas nokto. Pro mizero loĝas
Mi sennajbare sur dezerta kampo.
En pluvo velkas flavaj arbfolioj,
Mi blankharulo kadukas ĉe lampo.
Ne indas mi, deprimiĝanta longe,
Je via vizitado por konsolo.
Tiu frateco kaj eĉ parenceco
Denaske ligas nin per sama koro.

### Adiaŭ al Han Shen en la hotelo Yunyang

Post l' adiaŭ' ni estis disigitaj
De montoj kaj riveroj multajare.
Je renkontiĝ' abrupta, kvazaŭ sonĝa,
Tuj demandatas nia aĝ' amare.
La frida pluv' mornigas solan lampon,
Nebulo sombre ŝvebas bambuare.
Ve, por morgaŭa ĝis', amiko mia,
Ni tostu, tostu, ne diboĉoŝpare.

### Post la subpremo de ribelo

Ni kune fuĝis sudolanden el malordo,
Nun pace, vi revenos sola al la nordo.
Fremdloke niaj haroj sin rivelas blanke,
La montoj ja ankoraŭ verdas nialande.
Ruinojn vi trapasos kun matena luno,
Kaj ĉe pasej' tranoktos sub stelara lumo.
De frosto velkas herboj kaj birdaro tremas.
Ĉe ĉiu via paŝo ĉio vin ĉagrenas.

*Elĉinigis*



## Minosun (Ĉinio)

## Mimoza Ahmeti



# Dezertigitaj nocioj

Dezertigitaj nocioj,
En la spaca soleco, konsistanta el vi
Pasas mi inerte kune kun vi,
En mia spaco konsistanta el mi,
Kvazaŭ en urbo kie ĵus ĉiuj foriris,
Porĉiame
Per absoluta sento de nereveno
(kio, mi scias, ne povas longi.)

Dezertigitaj nocioj,
Restintaj suspende, ekster iu ajn ligo,
Pro la mizera kaj grandioza kialo,
Kiun mi ne plu sentas.

# Mia malamiko

Mia malamiko,
Ofte vi, per plej fia maniero, insultis min,
Ofte mi, per plej facilanima maniero insultis
vin,
Mia malamiko.
Kia estus la mia vivo sen vi
Kaj la via sen mi?
Neniu povas scii tion.
(Fininte la kondiĉigoj
La estaĵo malperas)

Malamiko. Mia malamiko.
Dank al vi, mi enspuradis kaj profitis
Tion kion mi serĉis,
Dank al vi revigliĝis mia vivo, vekiĝis,
Ĵuris.
Kaj kortuŝiĝis.

Kiam la murdo forkaptas la spiritojn, ho
envere vi estas la amo
Kaj mia malamo.

Mia malamiko
Ĝuste tiu
Kiun ni neglektis
Dum iradis tra la vojo,
Kiun neniam ni scipovis
Ne enkalkulis,
La homamasojn
Kiuj enverŝas inertaĵojn
Kaj enspiras
Ignorante
Postlasante sekvaĵon
En via spirito, en mia spirito.

Ho, tiun tagon kiam ni mortiĝis
Kiam lastan fojon intervidiĝis,
Tiun tagon kiam mi vin subigis
Kaj (eble) venkis
Vi terure bela, vundita estis,
En la vizaĝo.

Kaj mi ne scias kiel la vivo interplektiĝis
En tia maniero...
*Elalbanigis*



## Bardhyl Senimi
## (Albanio)



# Zhuangzi

## ĈAPITRO DUDEK-DUA

# Inteligento vojaĝas en la nordo

### §22-06

Dongguozi demandis Zhuangzi:

“Kie do estas la tiel nomata Taŭo?”

“La Taŭo ekzistas ĉie en la mondo,” respondis Zhuangzi.

“Bonvole montru al mi lokon, kie ĝi ja ekzistas,”

diris Dongguozi.

“Ĝi ekzistas inter formikoj,” respondis Zhuangzi.

“Kiel povas, ke ĝi ekzistas en tia malalta loko?”

“Ĝi ekzistas en herbaĉoj.”

“Kiel povas, ke ĝi ekzistas en pli malalta loko?”

“Ĝi ekzistas en tegoloj kaj brikoj.”

“Kiel povas, ke ĝi ekzistas en eĉ pli malalta loko?”

“Ĝi ekzistas en la ekskrementoj.”

Dongguozi eksilantis, kaj Zhuangzi diris:

“Via demando ne tuŝas la esencon de la temo. Kiam iu bazara inspektoro nomata Huo demandis la buĉiston pri la maniero ekzameni la grasecon de porkoj per piedpremo sur ilin, la buĉisto diris al li, ke ju pli dika estas la malsupra parto de la kruroj, des pli grasa la porko estas. Simile ankaŭ vi ne precize metis vian demandon. Vi ne devas serĉi la Taŭon en iu ajn aparta loko, ĉar nenio en la mondo povas resti for de ĝi. La plej alta Taŭo estas tia, kaj tiel same ankaŭ la plej granda parolo. ‘Ĉie’, ‘universale’ kaj ‘ĉioinkluzive’ estas tri malsamaj esprimoj, sed ili havas la saman signifon.

“Ni do vojaĝu al la Lando de Nenieco, kie ni povos havi diskutojn pri la supraj temoj. Tiaj diskutoj konos nenian limon! Lasu al ni sekvi la naturon kaj praktiki la senagadon! Lasu al ni teni nian menson paca kaj trankvila! Lasu al ni teni nin kvietaj kaj puraj! Lasu al ni teni nin harmoniaj kaj senzorgaj! Tiam niaj mensoj jam estos vakaj kaj malplenaj. Ni deziros iri nenien, nek ni scios, kien iri. Ni iros tien kaj reen kaj ne scios, kie estos nia celo. Ni vagados en tiu ĉi vasta malpleneco. Ni estos dotita per la granda Taŭo kaj ne scias, kiel foren ĝi etendiĝos. Ekzistas nenia limo inter la Taŭo, kiu kreas ĉiujn estaĵojn, kaj la estaĵo mem. Ĉiuj estaĵoj havas siajn proprajn limojn inter si. La senlima limo signifas, ke nenia limo estas absoluta limo. Oni parolas pri la pleneco kaj la malpleneco, pri la dekadenco kaj la kadukeco. Tio, kio estas opiniata plena aŭ malplena, povas ne esti plena aŭ malplena; tio, kio estas opiniata dekadenca aŭ kaduka, povas ne esti dekadenca aŭ kaduka; tio, kio estas opiniata la komenco aŭ la fino, povas ne esti la komenco aŭ la fino; tio, kio estas opiniata la kuniĝo aŭ la disiĝo, povas ne esti la kuniĝo aŭ la disiĝo.”

## §22-07

E Hegan kaj Shennong iam lernis la Taŭon sub Maljuna Longji. Iutage Shennong siestis ĉe tablo en sia ĉambro kun la pordo fermita. Ĉe la tagmezo E Hegan puŝe malfermis la pordon kaj eniris. Li diris: “Mortis la majstro!”

Sin apogante kontraŭ la tablo Shennong stariĝis kun la helpo de sia promenbastono. Forĵetinte sian promenbastonon, li eksplodis per rido kaj diris:

“Sciante, ke mi havas limigitan sciadon kaj estas neinteligenta, mia instruisto forlasis min kaj mortis. Ho, mia instruisto mortis kaj foriris! Li eĉ ne postlasis siajn saĝajn vortojn antaŭ sia morto!”

Aŭdinte tiujn vortojn, Yan Gangdiao diris:

“Ĉiuj nobluloj en la mondo fidas tiun, kiu enkorpigas la Taŭon. Nun eĉ Maljuna Longji, kiu konis la Taŭon ne pli multe ol dekmilono de la pinto de hareto de aŭtuna lanugo, sciis, ke li devas teni siajn saĝajn vortojn kaŝitaj ĉe sia morto, por ne paroli pri la homo, kiu enkorpigas la Taŭon! Kiam vi penas rigardi la Taŭon, ĝi estas senforma; kiam vi penas aŭskulti ĝin, ĝi estas sensona. En la diskutado ĝi estas nomata ‘obskuro’, ĉar ĉio, kio estas parolata pri ĝi, tute ne koncernas la Taŭon.”

## §22-08

Granda Klareco demandis Senfinecon, dirante:

“Ĉu vi konas la Taŭon?”

“Mi ne konas,” diris Senfineco.

Granda Klareco metis la saman demandon al Senagado, kaj tiu respondis, ke li konas.

“Ĉu la Taŭo, kiom vi scias, povas esti kvalifikita?” demandis Granda Klareco.

“Jes.”

“Kiel do ĝi povas esti kvalifikita?” demandis Granda Klareco

“Laŭ mi,” diris Senagado, “la Taŭo povas esti honorata kaj malhonorata, kaj ĝi povas esti kunpremita kaj disigita. Tiaj estas la kvalitoj, kiujn mi scias pri la Taŭo.”

Aŭdinte tiujn ĉi respondojn Granda Klareco iris al Senkomenco kaj demandis:

“Senfineco diris, ke li ne konas la Taŭon, kaj

Senagado diris, ke li konas ĝin. Se tiel estas, do kiu el la du estas prava kaj kiu estas malprava?"

Senkomenco respondis:

"Tiu, kiu ne konas la Taŭon, estas profunda, kaj tiu, kiu konas la Taŭon, estas supraĵa. La unua atingis la esencon, la dua tuŝas nur la eksteraĵon."

Ĉe tiuj ĉi vortoj Granda Klareco levis la kapon kaj eksuspiris, dirante:

"Nekonado estas konado, kaj konado estas nekonado! Kiu do konas la konadon, kiu konsistas el nekonado?"

"Ĉar la Taŭo ne povas esti aŭdata," diris Senkomenco, "tial tio, kio povas esti aŭdata, ne estas la Taŭo. Ĉar la Taŭo ne povas esti vidata, tial tio, kio povas esti vidata, ne estas la Taŭo. Ĉar la Taŭo ne povas esti priparolata, tial tio, kio povas esti priparolata, ne estas la Taŭo. Ĉu vi scias, ke tio, kio kreas la formon, estas senforma? La Taŭo ja ne devas esti nomata per ia nomo."

Senkomenco aldonis: "Tiuj, kiuj donas respondon demandate pri la Taŭo, ne konas la Taŭon. Tiuj, kiuj demandas pri la Taŭo, ne aŭdos pri la Taŭo. La Taŭo ne toleras demandojn, nek respondojn al la demandoj. Se vi demandas pri tio, kio ne povas esti respondata, via demando estas vana; se vi respondas demandon, kiu ne povas esti respondata, via respondo estas sencela. Tiuj, kiuj donas sencelan respondon al vana demando, kapablas nek observi la universon ekstere, nek sciiĝi pri sia origino interne, kaj tial ili estas nekapablaj ankaŭ transiri la montaron Kunlun, nek vagadi en la sublima malpleneco."



*Elĉinigis*



**Wang Chongfang**

**(Ĉinio)**

# Ĉineske

## Miric Jaranka (Serbio)



### Julio

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Julio
iĝis malvarme.
Ŝokis ĉiujn per hajlo.
ŝanĝiĝis veter' pluve
ĉar malvarmis tre!

Pluvegoj
subite venis.
dum grizopeza nubar'
puŝanta vente flugis.
Poste ekhajlis!

Komence
soife la ter'
akvon sorbis. Pli poste
ekis inundoj. Danĝer' !
Ŝanĝiĝas somer'!

Surstrataj
alta tiliar'
jam sekiĝis. Flaviĝis
sur branĉoj la foliar'.
Falis birdnestar'.

Somero
ĉi-jare plenas
de viruso infekto.
Ni nin nepre protektas!
Maskojn surmetas!

### Kiam venas memoroj

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

Memoras

mi kiel knabin'
vi kavon esploranta.
Vin serĉadis tage mi
ĝis la tagofin'.

Laŭlonge
de marbrdo li
hazarde trovis kavon!
Duelira kavo.Vi
diris "Vi kaj mi"!

Surdorse
pendis la sako.
En manoj ŝtonĵetilo,
ne estas lia fako,
nur sperto manko.

Silentis
kavo interne.
Malas al lia spiro.
"Anĝelo" kriis mi. Ne!
Ve, poreterne!

Birdeto
mortaĉis vere,
ni ĵetis povran maren.
Ondetoj ĝin tenere
lulis .Ververe!

*Sopir-al-sudo (ĉine: Yijiangnan): ĉina fiksforma poemo el kvin versoj de 35,77,5 silaboj laŭ rimarangô xa,xa,a (x=senrima).

## Eto (Ĉinio)

# Monto kaj nebulo

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

Sur
Monto ludas kun plezur'
nebulo
de griza velur'.

Ĝi
volvas Monton per fumstri'
blanketa
kvazaŭ en magi'.

Jen
ĝi fieris: "Kia scen'
ekestas
en vintra maten'!"

Sed
diris Monto en kviet':
"Momenton,
sen laŭda obsed'.

Nu,
elvenos sun' sur la blu',
via bel'
senos en detru'.

Sun'
elvenas kun varmbrakum'
al mondo
kaj estaĵoj nun.

Bel'
de nebul' jam en degel'
foriĝis
en vama dispel'.

*Deskses-Silabo: ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj, laŭ rimarangô a,a,xa (x=senrima)

## Xi Murong

# Soleca arbo

Post abrupta kurbiĝo prezentiĝas antaŭ niaj okuloj neprofunda valo, sur kies transa deklivo estas vasta arbaro.

Ŝajnas, ke tiu arbaro estas forstumita laŭplane. Eble pro favora prilumo de la suno ĉiu arbo portas ole-verdajn foliojn kaj pompan kronon. Meze de la tuta verdo oblikve etendiĝanta ĝis la river-vala ebenejo unu arbo unike distingiĝas de la aliaj arboj.

Ĝi staras antaŭ la fronta vico de la arboj, plena je orflava folioj tra la tuta trunko, kaj je

buntaj rondoj, en kiuj riveliĝas aŭreoloj unu tavolon pli bela ol la alia. Certe ĝi staras tie longan tempon, ĉar sur la herboj sub ĝi sterniĝas plena rondo da orflavaj falfolioj. Kvankam mi staras trans la deklivo, mi povas vidi la ĵus falintan folion fali sur la antaŭajn foliojn, kiujn mi trovas jam velkintaj kaj dekoloriĝantaj iom post iom.

Proksime al vesperiĝo la ĉirkaŭa ombro poiome malheliĝas, dum tiu orkolora arbo kontraste eligas ian misteran lumon. Kompare kun tiuj arboj, kiuj havas la saman grandecon kaj alloge junverdan koloron, tiu orkolora arbo ŝajne pli konvenas kreski sur ĉi tiu terspaco ol ili. Tamen pro ĝia elstareco ĝi sentas sin tre embarasita, kaj ĝi, kun varmaj, delikataj kaj brilaj folioj, vole nevole staras solece tie, dronante en tristeco nekomprenebla de aliaj.

Nora diris, "Estas malfrue. Ni reiru."

"Tamen estas ankoraŭ hele," dirante, mi pretigis min iri al la river-valo, volante, ke mi iru pli proksimen por zorgeme pririgardi tiun unikan arbon.

Sed Nora insistis pri reiro. En ordinaraj tagoj ŝi ĉiam servis kiel mia volontema kompano dum vojaĝado. Sed en tiu somera posttagmezo, ŝi ŝajne rifuzis ajnan mian peton.

Pro tio mi ne iris al la river-valo finfine.

Eble ŝi estis prava. Post tiom da jaroj, kiam mi ekmemoris pri tio, mi konsideris, ke ŝi eble estis prava. Se tiutage mi alproksimiĝus al la arbo, mi trovus disrompiĝon de folioj kaj deŝeliĝon de la trunko, tiel ke malpliiĝis mia unua-vida aprezado pri ĝi. Sed mi neniam atingis la river-valon (mi neniel povas returni mian kapon por malsupreniri al la river-valo kaj surgrimpi tiun montdeklivon en la sama momento de la sama tago). Do, tiu arbo kreskas tie por eterne. Kvankam ĝi staras solece, ĝi tenas al si la orflavon el la ĉielo.

Kiu favoro el la ĉielo ne sentas sin soleca en la homa mondo?

*Elĉinigis* **Sero (Ĉinio)**

## NOVA ROMANO DE JULIAN MODEST
## *TRA LA PADOJ DE LA VIVO*
### romano, originale verkista en Esperanto

En la romano "Tra la padoj de la vivo" Julian Modest talente priskribis la luktojn de sola patrino kun filino, la konfrontojn, la proponojn plej diversajn, ofte ne utilajn, eĉ dubindajn.Ĉu la protagonisto sukcesas ĉiam esti forta virino? Ĉu ŝi ĉiam faras la ĝustajn decidojn? Tiu ĉi romano kunportas vin sur la pado tra ŝia vivo kaj rivelos al vi la respondojn.

*"Do, tiuj estas la elementoj kaj la altnivela dialogo subkuŝanta la simplan tekston verkitan de Modest, aŭtoro kiu kaj per rekonstruado de la lilita mito, kaj per dialogo kun la plej grava teksto de la kristana kulturo, rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante alfrontas la defiojn, kaj venki la pruvon de l' tempo, kaj prezenti al la esperantlingva legantaro novan verkon, per kiu li denove montras sin plene kapabla reklami por si plenrajtan seĝon inter la eminentuloj de la Verda Parnaso. Ĉi-sence, oni ja povas aserti, ke (finfine!) Modest reprenas la ĝustan padon kaj batalas la bonan batalon; kaj ĉar pri gardado de la fido ne estas dubo, mankas nur scii ĉu per novaj verkoj li finos la kuradon."*

*El la antaŭparolo de Fernando Pita*

*Rio-de-Ĵanejro, la 08-an de Majo 2020*

***La libron eldonis Eldonejo "Libera", Belgio. La libro estas aĉetebla ĉe la eldonejo kaj ĉe UEA.***




_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Retadreso: vejdo@163.com
www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_